## Adiaŭ

Je forlaso de la redaktora posteno de IFEF mi povas retrorigardi al dek tri jaroj de interesa laboro kune kun aro de diligentaj kunlaborantoj. Kun ĝojo mi bonvenigas Erna Hauge kiel la novan redaktoron. Per tiu elekto IFEF certigis pluan pozitivan evoluon de la organo.

### Dankon

Tutkore mi dankas pro ĉia helpo dum la pasintaj jaroj kaj emocie mi dankas pro la Honora Membreco de IFEF.

E Henning Olsen
eksa

## Junulara Fonduso

Ofte dum kongresoj aŭ aliaj kunvenoj oni diskutas la mankon de junaj homoj en nia organizo. Ankaŭ dum la pasinta IFK oni diskutis tiun temon, kaj kelkaj diris, ke multaj junuloj ne deziras partopreni grandajn manifestaciojn sed pli modestajn ekzemple skisemajnon. La IFEF-estraro volonte finance subtenas junajn fervojistojn, kiuj deziras partopreni aŭ skisemajnon aŭ iun ajn alian Esperanto-aranĝon kun kultura aŭ/kaj eduka celoj. Por tiaj celoj ni havas nian Junularan Fonduson, kiu momente estas preskaŭ malplena. Lastatempe mi ne multe reklamis pri ĝi, do mi faru nun: Mi proponas al landaj asocioj kaj unuopaj membroj donaci monon al la Junulara Fonduso, kaj mi proponas al ĉiuj sendi al ni proponojn pri subvencioj al junaj fervojistoj, kiuj intencas aktivi en iu ajn maniero.

Kasisto

## Saluton

Dum 13 jaroj vi sur ĉi tiu paĝo de IF ĉiam trovis la popularan *Redaktora babilo*-n. La nova redaktoro ne estas same babilema kiel estas la malnova. Do mi bedaŭras, ke vi de nun devas malhavi ĝin.

Postsekvi E. Henning Olsen estas malfacila tasko, kiun mi neniam ambiciis. Tamen mi kredas ke 13jara kunlaboro kun li per tajpado de la bulteno helpos min tiom, ke ni daŭre povas eldoni legindan bultenon.

Sed por ke mi sukcesu estas necese ke ankaŭ vi helpos min per alsendo de kontribuajoj fakaj kaj organizaj.

Por ĉi tiu unua postkongresa numero ĉiam estas sufiĉe da materialo, eĉ tro. Ekzemple la resumon de la ĉefa fakprelego ni devas ŝovi al la venonta numero.

Ĝis tiam.

nuna

**Frontpaĝo:** Uniformprezentado dum la 47a IFK

# Enhavo:

# Brila kongreso finiĝis

Jes, vere, la 47a IFK en Pécs estis brila kongreso, same brila kiel estis la 2 aliaj kongresoj okazintaj en Hungario. La kongreso en Balatonfüred (1982) estis nomita "kongreso de bonkoreco". La 47a IFK povus meriti la saman indikon, ĉar ankaŭ ĉifoje la helpemo kaj ĝentileco de la LKK-anoj kaj helpantoj ĉiam kaj ĉie estis konstateblaj.

En la kongreso en Budapest (1962) partoprenis 1004 (la plej multaj en iu IFEF-kongreso) el 17 landoj kaj en Balatonfüred 605 el 22 landoj, sed ĉijare la partoprennombro estis nur 327 el 23 landoj. "La unuan fojon en la historio de IFEF okazis, ke la nombro de aliĝintoj el iam socialismaj landoj superis tiun de la okcidentaj landoj, same kiel la laŭaĝa averaĝo de la kongresanoj kompare al la ĝisnunaj IFK denove malfavoriĝis. En la kunsidaj diskutoj la zorgo pri tiu evoluo kaj ĝiaj konsekvencoj estis klare ekkonebla, sed ankaŭ en personaj diskutoj.

La slogano de la kongreso prave estis *Per medioamika fervojo kaj komuna lingvo al la 21a jarcento.*"

Eldoniĝis entute 4 kongresaj bultenoj. Helpe de ili kaj helpe de kelkaj bonvoluloj, kies impresojn ni redonas en citiloj, ni sube donas kelkajn impresojn.

Dum la unuaj tagoj la vetero estis malvarma kaj pluvema, sed subite la temperaturo ŝanĝiĝis, tiel ke ĝi atingis pli ol 30° C.

"Ne ĉiam kontentiga estis la informado pri ŝanĝoj en programo, pri lokoj kaj precipe survoje en ekskursoj. Tre malagrabla la konduto de kelkaj malmultaj, tamen ĉiam la samaj kongresanoj el suda lando, kiuj ĉiuloke, eĉ dum manĝadoj kaj spite al priatentigo konstante fumis."

"Tre bonvena estis la ĉeesto de fervoja kuracisto, kiu meritas dankon pro sia multflanka helpo. Imitinda la instalado de la radioamatora stacio, ne taksebla mondvasta reklamilo por la IFK."

"Mia unua impreso temu pri kongrespartoprenintoj. Kompreneble mi ĝojis, ke mi povis partopreni la kongreson post plurjara neĉeesto, kaŭzita de ege kontraŭaj idealoj al Esperanto. Mi rimarkis laŭ la listo de kongresanoj, ke pluraj aliĝis, sed ili restis partoprenontoj nur sur papero. Same estis longa la listo de tiuj, kiuj estis prezentitaj al la kongresanoj por la lastaj adiaŭoj.

Agrable impresis min la atingitaj rilatoj kun UIC, ĝiaj fidoj kaj konfidoj al terminaraj kunlaborantoj. Atendebla estas, ke la nepoj nin benos, se ilian (tiun de UIC (n.d.l.r.)) laborritmon ni eltenos.

Senkompate sinceran gratulon al la nova redaktoro kaj al la (de)nove elektita IFEF-estraro."

"Bone preparita, ĉio funkciis je preciza horo. Kaj Pécs kaj la kongresejo estis taŭgaj kadroj por la kongreso. La vetero sufiĉe bela. LKK meritas laŭdon pro bonega kaj lerta laboro dum la kongreso."

Jam ĉe la alveno oni sentis sin bonvena. Sur la kajoj estis verdaj flagoj, kaj el la laŭtparolilo atingis nin esperantlingvaj bonvenigoj. En la stacidoma atendejo troviĝis la akceptejo, kie LKK-anoj helpis la alvenintojn. Ne malpli ol 5 komputiloj estis je ilia dispono, sed tio laŭ kongresana vidpunkto ne plirapidigis la aferon.

Sabate LKK aranĝis gazetaran konferencon en kiu aperis reprezentantoj de la Hungara Presagentejo, de loka gazeto kaj de la Hungara Radio.

Tagmeze la direktoro de la Fervojdirekcio Pécs, s-ro Károly BUSCH akceptis la IFEF-estraron kaj LKK. S-ro Busch informis pri la agado, taskoj kaj rezultoj de la fervojdirekcio.

Vespere la kongresanoj bone amuziĝis en la interkona vespero.

Post ekumena diservo dimanĉe matene, en

kiu partoprenis ĉ 200 kongresanoj, okazis la solena inaŭguro. 15 uniformitaj fervojistoj el diversaj landoj okupis la scenejon kaj solene hisis la IFEF-flagon.

La bonvenigajn vortojn de LKK-prezidanto István Gulyás sekvis paroloj de honoraj gastoj. Menciinda estas ke la generaldirektoro de la Hungaraj Ŝtatfervojoj, ĉefprotektanto de la kongreso, s-ro Zoltan RIGÓ alparolis la kongreson en perfekta Esperanto, kaj ke li promesis lerni Esperanton kaj esti la unua fervoja generaldirektoro, kiu fariĝos esperantisto. Post li parolis hungarlingve d-ro Zsolt PÁVA, urbestro de Pécs. S-ro Gilbert Schmit, prezidanto de FISAIC, parolis en Esperanto kaj emfazis la signifan kulturan agadon de la fervojistoj. Sekvis paroladoj de s-ino Erzsébet SZABÓ, prezidanto de la Hungara Sekcio de FISAIC, kaj s-ro Oszkár PRINCZ, sekretario de HEA.

Post la paŭzo, dum kiam ludis kvinteto de la Blovorkestro de Fervojistoj en Pécs, reprezentantoj de la landaj asocioj salutis la kongreson. Fine la IFEF-prezidanto Per ENGEN deklaris la 47an IFK malfermita.

La ĥoro *Egressy*, kiu kantis ankaŭ antaŭ la paroladoj, finis la solenaĵon.

Ampleksa estis la kongresa programo. Ni menciu folkloran programon kun la dancensemblo *Baranya*, duontagan ekskurson al la vilaĝoj Óbánya, Mecseknádasd kaj Kakasd. En tiu lasta la vilaĝestro akceptis nin en tre interesa komunuma domo kaj regalis nin per lardo, kolbasoj kaj diversspecaj blankaj kaj ruĝaj vinoj. Pliaj travivaĵoj estis orgenkoncerto en la mezepoka baziliko, bankedo kaj internacia balo.

La tuttaga ekskurso gvidis nin per aŭtobusoj unue al Máriagyüd kaj la fortikaĵo de Siklós, poste al Villány, kie ni ĝuis la abundan kaj bongustan tagmanĝon. Sekvis vizito en la urbo Mohács kun i.a. la Historia Memorloko de Mohács - memoraĵo pri la batalo kontraŭ turkoj en 1526. Fine ni revenis al Villány, kie okazis vingustumado.

La urbestro de Pécs, Zsolt Páva akceptis la IFEF-estraron, la komitaton kaj LKK kun edzinoj.

Pri la pli gravaj programeroj – fakaj kaj organizaj laboroj – bonvolu legi aliloke en ĉi tiu kaj venonta numero de IF. Tamen ni menciu el la plenkunsido, ke okazis estrarelekto. La ĝisnunaj prezidanto Per Engen, vicprezidanto István Gulyás, sekretario Romano Bolognesi kaj kasisto Henning Hauge reelektiĝis. Kiel nova redaktoro elektiĝis Erna Hauge. La ĝisnuna redaktoro E. Henning Olsen estis nomumita Honora Membro (legu ankaŭ pri tio aliloke en ĉi tiu numero de IF).

# Rimarkigoj rilate al 47a IFK

Niaj fervojistaj kongresoj ĉiam havas familian nivelon, kaj laŭ mi la ĉi-jara en Pécs havis ĝin same. Multjaraj geamikoj renkontiĝis post plimalpli longa tempo, dum kiu oni ne vidis unu la alian. La kongreso mem paŝis laŭ siaj multjaraj kutimoj de komenco ĝis sia fino en bona kaj agrabla etoso, kiun eĉ la malagrabla pluvo kaj sekvantaj malvarmumiĝoj ne ĝenis. Eĉ balotoj de la estraranoj finiĝis feliĉe, kaj ni aliaj ĝojas, ke troviĝas homoj, kiuj por pluaj tri jaroj volas porti sur siaj ŝultroj la pezon de decidoj. Ankaŭ LKK-anoj klopodis fari sian plej bonan, kvankam de tempo al tempo iom mankis pli precizaj informoj.

Sed tri aferoj tuŝis min.

Unue, ke estis pli multe da partoprenantoj el postsocialismaj landoj ol el okcidenta bloko. Bedaŭrinde tio ne montras kreskon de pagipoveco ĉe tiuj unuaj, sed pliaĝiĝon kaj sekvajn malsanojn kaj eĉ mortojn, kiuj malebligas al

tiuj duaj plu veni al kongresoj.

Dua afero estas la firma decido de la tuta estraro (tamen "nur" tri estraranoj esprimis sin tiurilate. n.d.l.r.) retiriĝi post pluaj tri jaroj. Tio estas malbona afero, eĉ se oni sukcesus solvi la problemon kaj trovi en la orienta bloko pli junajn kaj kapablajn homojn, kiuj pretus transpreni la estraranajn taskojn. Estraro bezonas kontinuecon kaj novaj estraranoj bezonos nepre superrigardon kaj helpon de pli spertaj, kiuj jam faras ĉi laboron kaj kapablas gvidi la IFEF-trajnon en ĝustan direkton.

Tria afero estas la plialtigo de la kotizo, kiu estas precipe por la okcidenta bloko ridinda. Eble mi ne rajtas tion kritiki, ĉar ĝuste slovaka fervojista asocio ĝuas rabaton ĉi rilate, sed ekzemple por mi persone, kiu ankoraŭ laboras kaj perlaboras, eĉ tiuj ses kaj duono da svisaj frankoj por kuranta jaro ne estus tro granda problemo. Ĉu vere tiu duonfranko povas kaŭzi por la okcidenta bloko tian problemon, ke oni timis plialtigi la kotizon ekzemple je kvar frankoj al ronda dekfranka sumo?

Fejfi

# Niaj kongresoj

Aranĝi IFEF-kongreson povas esti sufiĉe defia tasko. Kongreso daŭras tutan semajnon kaj havas vere ampleksan programon kun organizaj, fakaj, kulturaj, sociaj kaj turismaj eroj. Kelkaj centoj da partoprenantoj havas variajn dezirojn kaj postulojn kaj ne ĉiam agas racie kaj laŭ la fiksitaj reguloj. Estas ankaŭ malfacile anticipe ĝuste taksi la nombron de partoprenantoj en la diversaj kategorioj. Tio kaŭzas ke la ekonomia rezulto estas malcerta.

Sed tamen – spite tiajn malfacilaĵojn – ni povas konstati, ke ĉiun jaron iu el niaj landaj asocioj kuraĝas anonci sin preta transpreni tiun sufiĉe maldankeman taskon. Ni devas esti tre kontentaj, ke tia estas la situacio, ĉar la kongreso estas tre grava parto de la aktiveco de nia federacio kaj sen la ĉiujaraj kongresoj IFEF apenaŭ povas kontentige kaj sukcese funkcii.

La IFEF-kongresoj ĝenerale estas bonege organizitaj kaj povas esti modelo por tiaj aranĝoj. Nur dank' al konscienca kaj detala planado kaj racia preparado tio estas ebla.

Elekto aŭ nomumo de respondeca loka kongresa komitato kun decidkapabla prezidanto kaj kompetentaj membroj, kiuj ĉiuj havas klare difinitajn laborkampojn pri kiuj ili plene respondecas, estas baza fundamento por bona efektivigo de kongresa aranĝo. Detalaj decidoj pri tempopunktoj, daŭro de la unuopaj aranĝoj, ejoj, necesaj deĵorantoj kaj helpiloj por ĉiuj programeroj estas kondiĉo por laŭplana efektivigo. Aldone necesas kunordigaj planoj por la rilatoj inter la diversaj eroj. Tia planado estas nepre necesa por funkciado de fervojoj. Por multaj fervojistoj tia laboro tial estas preskaŭ rutino. Tiu fakto memkompreneble vere helpas nin, kiam ni aranĝas niajn kongresojn kaj sendube kontribuas al la sukcesoj.

Niaj hungaraj kolegoj evidente brile eluzas siajn konojn pri planado, kiam ili aranĝas kongresojn. La kongreso en Budapeŝto en 1962 same kiel la kongreso en Balatonfüred en 1982 estis bonegaj. Tiun ĉi jaron ili ripetis la sukceson. Ni travivis neforgeseblajn tagojn dum brila aranĝo en Pécs kaj dum la postkongresa vojaĝo tra Hungario.

En la nomo de IFEF mi kore dankas la prezidanton kaj la membrojn de LKK. Ili denove faris eminentan laboron kaj donis al ni ĉiuj memorindajn travivaĵojn.

Per Engen

# La postkongreso

Proksimume 70 gekongresanoj estis veturpretaj frumatene la 27an de majo por komenci la postkongreson. Dum 2-3 horoj ni traveturis la belan hungaran pejzaĝon en tre luksaj aŭtobusoj. Ni paŭzis en la urbeto Kalocsa, kiu estas mondfama pro speciala popolarta pentrado. Ni vizitis la stacidomon, kies murojn pentris lokaj virinoj laŭ popolartaj motivoj. Ni vidis i.a la atendejon, kiu estas tre bela.
Ĉe tagmezo ni atingis la vilaĝon Izsák, kie atendis nin ciganaj muzikistoj kaj ĉarmaj gejunuloj kun brando kaj pano. Ni dum kelkaj minutoj ĝuis la muzikon, kaj poste ni iris en kelon, kaj kun ni la muzikistoj, kiuj ludis dum ni manĝis tre bonajn manĝaĵojn. Dum la manĝado venis ankaŭ junaj dancistoj, kiuj tre lerte montris siajn belajn kaj ofte komplikajn dancojn, kvankam ne estis multe da spaco en la kelo. Post tiu bela travivaĵo multaj estis sufiĉe lacaj kaj tuj akceptis la proponon de la LKK-prezidanto, ke ni veturu al la hotelo kaj ripozu iomete antaŭ la vespermanĝo. En la urbo Kecskemét ni estis rapide enloĝigitaj en niajn ĉambrojn - kelkaj ripozis, kelkaj vizitis la urbon.

La venonta tago estis same sunbrila kiel la plej multaj de la antaŭaj tagoj, kaj unue ni iris en la urbo kun gvidantino, kiu donis kelkajn informojn pri la vidindaĵoj de la urbo, kaj je la 10.00a ni vizitis la urbestron, kiu akceptis nin en tre bela kunvensalono kaj donacis al ni malgrandajn botelojn de Palinka, tre bongusta hungara brando. Poste ni veturis al la urbo Bugac en la "puszta", kie ni estis akceptataj per speciala cigana supo preparita super ligna fajro. Per ĉevaltirataj ĉaroj ni veturis al la "puszta", kie ni vidis belan ĉevalparadon. Dum la parado ni kelkfoje aŭdis tondron, sed feliĉe ni atingis la restoracion antaŭ ol la pluvo komenciĝis, kaj denove ni abunde manĝis. La vespermanĝo okazis en ĉardo apud Kecskemét, kompreneble ankaŭ kun cigana muziko.

La trian tagon ni veturis al Budapest, kie ni inter alie estis sur tre alta punkto ĉe kastelo, kie ni havis tre bonan rigardon al la urbo. Ni vizitis ankaŭ la Placon de Herooj, kaj tagmanĝis en malgranda restoracio, kie vizitis nin la 4 multe priparolataj ĉarmaj genepoj de la vicprezidanto. Post tio ni vizitis la urbon Szentendre, kiu havas multege da butikoj kun diversaj tre belaj mane faritaj vestaĵoj, tukoj ktp.
La lastan vesperon kaj nokton ni loĝis en tre bela hotelo en la montaro apud Visegrád, kie ni dum la vespermanĝo sidis sur balkono kaj povis rigardi la Danubon. Tre bela fino de sukcesplena postkongreso. h

# Dumkongresa prezentado de uniformoj

La uniformo estas la indenteco de la fervojisto kaj de la fervoja laboro. Ĝi ekspozicias la speciale nacian, sed ankaŭ la internacian karakteron de la fervojo, kiu ligas la landojn.
Esti fervojisto estas privilegio. – Esti esperantisto ankaŭ estas privilegio. La reloj ligas la landojn – Esperanto la popolojn. Ni estu fieraj pro nia metio kaj pro nia esperanteco.
Dum fervojistaj kongresoj estas nature, ke estu prezentado de fervojistaj uniformoj el ĉiu lando.
Tamen estas risko, ke prezentado de uniformoj povas fariĝi komika afero. Tion ni absolute evitu.
Mi proponas ke dum la estontaj kongresoj oni priatentu tion, kaj ke oni faru tiel:

- perletere demandi la unuopajn landajn IFEF-sekciojn, kiu kolego povos prezenti uniformon por
  staciestro – trajnĉefo – lokomotivestro.

- post la alveno de respondoj komisiito kunordigu la dumkongresan prezentadon laŭ deziro de la koncerna kongreslando.

Dum la antaŭkongresa periodo estas ebleco bone prepari la prezentadon, por ke ĝi estu inda prezentado en la medioj.

Mi tre volonte kunhelpos tiurilate kiel kunordigantan komisiiton.

Per Johan Krogstie

# Nova Honora Membro de IFEF



Dum la kongreso en Pécs la komitato unuanime akceptis proponon de la estraro nomumi **E. Henning Olsen** Honora Membro de IFEF.

En 1980 E. Henning Olsen estis elektata sekretario de IFEF. Tiun postenon li en bonega maniero plenumis, ĝis li en 1982 elektiĝis redaktoro de Internacia Fervojisto kaj transprenis la gravan taskon kiel respondeculo por nia federacia organo. Baldaŭ montriĝis ke tio estis la ĝusta loko por li. Tia laboro estis en la centro de liaj intereso kaj talento. Iom post iom laŭ aspekto kaj enhavo IF evoluis al la bona kaj utila organo, kia ĝi nun estas. Celkonscie li laboris por ke IF – krom sia rolo kiel organiza komunikilo – estu grava fervojfaka revuo, kiu povas prezenti por sia legantaro artikolojn kaj informojn pri la evoluo en nia faka mondo same frue aŭ eĉ pli frue ol nacilingvaj fakrevuoj. Ankaŭ rilate la aspekton de IF li konstante kaj persiste laboris por plibonigi ĝin. Elekto de plej bona paperkvalito, presado, presliteroj kaj ilustraĵoj estis por li grava parto de la redaktora laboro. Kaj li sukcesis krei IFon, kiu laŭ mia opinio havas profesian kaj belegan aspekton.

Speciale alte mi taksas lian redaktoran kolumnon, kiun li modeste nomis "Redaktora babilo". Tie li prezentis por siaj legantoj faskojn da pensoj plenaj je vivsperto kaj filozofio. Estis veraj perloj.

Lian demision mi kiel prezidanto de IFEF tre bedaŭras. Mi estas certa, ke same faras la legantoj de IF. Ni do komprenas, ke redakti IF estas streĉa tasko, kiu postulas ke la redaktoro dediĉas tre grandan parton de sia tempo al tiu laboro. Ke li nun post tiom da jaroj deziras disponi la tempon por aliaj aferoj, ni devas akcepti. Mi kore dankas E. Henning Olsen pro brila laboro farita. Do mi havas la esperon, ke ni de tempo al tempo daŭre trovos en IF artikolojn kun la subskribo 'eho'.

La meritoj de E. Henning Olsen ne estas limigitaj al lia aktiveco kiel redaktoro. En la estraro li estis aktiva kaj progresema kunlaboranto en ĉiuj traktataj aferoj. Liaj ideoj kaj proponoj estis valoraj kontribuoj al la laboro de la estraro kaj al la aktiveco de IFEF entute.

Ankaŭ en DEFA kaj la neŭtralaj Esperanto-organizoj E. Henning Olsen tre aktive kaj fervore kunlaboras. Agado por kaj per Esperanto ĉiam estis kaj certe estos esenca parto de lia vivo.

Li vere meritas la distingon esti nomumita Honora Membro de IFEF.

En la nomo de IFEF mi kore gratulas.

Per Engen

## 48a Kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)

**11a-18a de majo 1996 DEN HAAG, Nederlando**




Adreso: 48a IFEF-Kongreso
POSTBUS 11686,
NL-2502 AR DEN HAAG

Bankkonto: 26.97.38.118
GWK-Bank, Den Haag
48a-IFEF-Kongreso

Poŝtkonto: 1 5 3 3 2
(vidu la instrukcion pkt-o 3 sur la aliĝilo)

La nederlanda sekcio de IFEF, Fervojista Esperantista Rondo Nederlanda, tutkore invitas vin partopreni la 48an kongreson de IFEF en la okcidenta parto de Nederlando en la urbo **Den HAAG** (esperantlingve Hago) de la **11a ĝis la 18a de majo 1996**.

Hago estas la ĉefurbo de la provinco *Sud-Holando* kaj situas tuj apud la Norda Maro. En 15 minutoj oni atingas per tramo la banlokon *Scheveningen* kun granda bulvardo kaj multaj trotuaraj trinkejoj, restoracioj kaj butikoj. Se la vetero estas bela – kaj tio ofte okazas en majo – vi povos ĝui veran marbordan etoson.

La 48a kongreso estos la kvara IFEF-kongreso en Nederlando. Laŭdire la antaŭaj tri kongresoj estis sukcesplenaj.

LKK nepre volas daŭrigi tiun tradicion. Kvankam la nuntempa LKK havas novajn membrojn, ankaŭ ĝi klopodos eviti tro multekostajn aranĝojn. LKK deziras oferti al vi modestan, agrablan kaj bonkvalitan kongreson.

Kore invitas vin

prezidanto: Jan BULTMAN
sekretariino: Gerry SCHAVEMAKER
kasisto: Dirk MENSINK
redaktoro: Jan POPTIE
kaj kelkaj helpantoj.

Jen kelkaj ciferoj **en nederlandaj guldenoj (NLG)**:

| **Kongreskotizo ĝis 31.01.1996:** | **NLG** |
|---|---|
| IFEF-membro | 115 |
| Familianoj/junuloj ĝis 30jaraj | 55 |
| IFEF-membro el eks-socialisma lando | 50 |
| Ne-IFEF-membro | 125 |
| Ĉambroperado | 5 |
| Tuttaga ekskurso | 65 |
| Duontaga ekskurso | 30 |
| Festa manĝo antaŭ la balo | 45 |

En la venontaj numeroj de IF ni plie informos vin pri la 48a IFK, hoteloj, ekskursoj ktp.

LKK

## Fervoja Koresponda Servo

### Nova gvidanto

La ĝisnuna gvidanto de Fervoja Koresponda Servo s-ro kavaliro p.i. Germano Gimelli informis, ke li deziras ĉesi la laboron pri FKS. Feliĉe rumana kolego PORUPKA Sorin pretas daŭrigi ĉi tiun gravan servon al korespondemaj esperantistaj fervojistoj.

La nova adreso de FKS estas

S-ro PORUPKA Sorin
Mihai Bravu 32/2
RO-6200 Galati

Ni deziras al la nova gvidanto bonan laboremon kaj multe da laboro.

# Faka Komisiono

## Raporto de la gvidanto

Ekde la pasinta kongreso okazis vigla agado sur la faka tereno.

La **terminara sekcio** havis multajn taskojn kaj mallongan tempon plenumi ilin. Sen troigo ni povas diri ke naskiĝis grava sukceso, kiu estas mejloŝtono en nia terminara agado.

UIC aperigis la kvinan eldonon de sia terminaro, kiu havas kelkajn novaĵojn kaj grave diferencas de la antaŭaj eldonoj. La terminaro aperis ne en presita formo, ĝi estas elektronika fakvortaro, kiun enhavas CD-ROM kaj elektromagnetaj disketoj.

La alia diferenco estas, ke ĝi enhavas 11 lingvojn, inter ili ankaŭ Esperanton.

Okaze de la antaŭa eldono la Esperanto-varianto aperis post unu jaro – kio tiutempe estis tre grava rezulto. Nun mi taksas granda sukceso, ke en la nuna eldono nia lingvo jam estas egalrajta parto de la terminaro.

Maturiĝis la unua frukto de nia kunlaboro kun UIC. Mi opinias ke la apero de la nova terminaro por ni estas ĝojplena evento, kiu samtempe fortigas la prestiĝon de niaj lingvo kaj Federacio.

La estonto bezonas nian pli grandan fortostreĉon, ĉar defendi kaj konservi la atingitajn rezultojn ne estas facila tasko. Ni estas en nia propra rondo, kie ni devas paroli ankaŭ pri la malfacilaĵoj. La terminara agado de UIC havas siajn limdatojn, kiujn ankaŭ ni devas plenumi. Se ni ne povas plenumi ilin, ni perdas niajn eblecojn, rezultojn. La limdatoj de UIC estas mallongaj, la traduko de novaj fakesprimoj al naciaj lingvoj bezonas malpli longan tempodaŭron ol traduko al Esperanto.

La tradukendajn tekstojn UIC transdonis al ni germanlingve. Pro tio niaj germanaj kolegoj ricevis la taskojn kun nerealaj limdatoj.

Mi volas mencii du ekzemplojn:

- La menuotekston s-ro Hoffmann tradukis kaj la tradukaĵon li sendis per telefakso. Rezulte de tiu rapida laboro ni povis transdoni al UIC la materialon en la lasta momento.
- La instrukciojn tradukis s-ro Giessner, kaj la tradukaĵon el faka vidpunkto kontrolis s-ro Kruse. La malfacila faka teksto havis pli ol 40 paĝojn. La limdato ne estis plenumebla. Ĝi estis unu semajno.

  La uzantoj de la terminaro povas ricevi ĉi tiun tradukaĵon kiel aldonaĵon.

Mi pensas, ke niaj germanaj kolegoj meritas nian dankon.

Laŭ nia labormetodo la tradukado de novaj fakesprimoj bezonas almenaŭ trifojan reviziadon. Niaj spertoj atestas, ke eĉ por la trifoja reviziado restas diskuteblaj solvoj, do la nombro de la reviziadoj ne estas malpliigeblaj.

Se ni devas agadi rezultohave

- ni devas koncentri niajn fortojn por la plej grava tasko,
- ni devas rapidigi nian laboron, kie tio eblas,
- ni devas plenumi la limdatojn de diversaj taskoj eĉ se ili ŝajnas por ni ne realaj, ĉar se ni ne plenumas ilin, ni perdos diversajn eblecojn kaj iun parton de niaj akiritaj pozicioj,
- la prestiĝo de nia lingvo bezonas ke ni restu inter la lingvoj de la estontaj eldonoj de LG.

Laŭ graveco niaj taskoj estas:

- internacia kunlaboro por la ĉiam aktuala eldono de LG.

  La tempodaŭro inter la sinsekvaj eldonoj estas pli kaj pli mallonga. Atendeble post 2-3 jaroj aperos la sesa eldono. Ĝis nun ni konas preskaŭ cent novajn fakesprimojn, kiuj estas oficiale disdonitaj, sed ni scias, ke UIC kolektis jam pli ol mil proponojn por novaj fakesprimoj. Verŝajne ili estas verŝegitaj al ni.

Ankaŭ al la kvina eldono ni havas ŝuldojn, kiujn ni devas aranĝi en la sesa eldono. Ni devas kalkuli pri tio, ke nė nur la traduko de novaj fakesprimoj donos laboron por ni, sed ankaŭ tiu de diversaj tekstoj, kiuj apartenas al la terminaro (ekz: uzad-intrukcioj, klarigoj k.s.). La E-varianto de la terminaro estas kompleta kune kun tiuj tekstoj.

Se ni volas, ke nia lingvo estu samranga parto de la terminaro, ni devas plenumi ĉiujn taskojn ĝis tiu limdato, kiun havas aliaj lingvoj. En ĉi tiu internacia kunlaboro ni devas esti fidindaj partneroj. Alimaniere la afero ne funkcios.

- Alia grava tasko estas eldoni nacilingvajn vortarojn. Kvankam nia terminaro ne havas devigan forton, la aŭtoroj de diversaj materialoj libere uzas la fakesprimojn, tamen se ili havas nacilingvan vortaron, tio plifaciligas ilian laboron kaj samtempe servas al unueca lingvouzado.
- Kiel mi menciis, UIC kolektas la proponojn de novaj fakesprimoj. En ĉi tiu agado ankaŭ ni havas eblecon partopreni. Nian partoprenon mi opinias dezirinda, ĉar ankaŭ tio estas ebleco fortigi niajn oficialajn kontaktojn kun UIC.
- Espereble nia kvara tasko ankoraŭ dum longa tempo ne estos aktuala. Temas pri traduko de difinvortaro de UIC. Por tiu tasko laŭ mia opinio ni tute ne havas forton.

Ankaŭ la **fake aplika** agado atingis gravajn rezultojn. Mi volas mencii la aperigon de la kvara numero de Fakaj Kajeroj, la fakan programon de nia kongreso kaj tiun de Universalaj Kongresoj.

Espereble ni konsentas pri tio, ke sen faka agado nia movado estus pli malriĉa kaj perdus sian fervojan karakteron.

Pri rezultoj, zorgoj kaj la plej gravaj taskoj de nia faka laboro mi intencis raporti la menciitajn pensojn. Pri la detaloj raportos niaj sekretarioj.

J. Halász

---

## Fake Aplika Sekcio

### Protokolo pri la kunvenoj en Pécs 21an kaj 23an de majo 1995

Partoprenis en ambaŭ kunsidoj po 20 partoprenantoj.

Tagordo de la kunveno estis publikigita en IF 2/95 p.22.

1. **Raporto de la sekretario pri la agado**
   La sekretario konatigis la gepartoprenantojn pri la agado dum la pasinta periodo. La raporto estas aldonita al la protokolo.

2. **Faka programo de la 47a IFK**
   La titolo de la ĉijara ĉefa fakprelego estas *La evoluo de la hungara trafiko ĝis la 1100-jara datreveno de la patrujokupado*, aŭtoro d-ro József Halász. La prelego estas kompletigita per videofilmo. La teksto de la prelego kun kelkaj kopioj de la filmo estas je dispono por interesuloj.
   Plua faka programo – fakaj prelegoj: Jenaj kontribuaĵoj estas preparitaj
   *E. Glättli (CH)*: Kvar BRUNEL-distingoj por la Svisaj Federaciaj Fervojoj.
   *J. Niemann (DK)*: Aŭtomataj biletsistemoj.
   *M. Kocič (YU)*: La fervojo Valjevo - Loznica.
   *J. Giessner (D)*: Ambicia energio-ŝparplanoj de la Germana Fervojo (DB).
   *J. Patay (H)*: Kompletiga sanitara servo ĉe MÁV.
   *G. Sredič (YU)*: Malaperas la "fluganta rado".

*L. Kovář (CZ)*: Modernigo de linio Děčín - Břeclav.

3. **Faka programo por la venonta 48a IFK**
Por la venonta IFK en Den Haag estas anoncita pere de s-ro *Bultman* ĉefa fakprelego kun la temo: *La evoluo de trafikregado en Amsterdam*.
Por aŭtoroj de fakaj prelegoj estas rekomendita uzi dum sia prezentado nur diapozitivojn, ne videokasedojn.
Dum la kunsido anoncis sin por prezenti kontribuaĵon dum la kongreso en Nederlando: s-roj Tudorache (RO), Niemann (DK), Glättli (CH), Krogstie (N), Halász (H), Kovář (CZ). Titoloj de la prelegoj ankoraŭ ne estas elektitaj.

4. **Faka programo dum la UEA-kongresoj**
Dum la pasintjara kongreso en Seoul (Koreio) estis prezentitaj du prelegoj enkadre de faka fervojista kunsido – *I. Ferenci* pri fervojsanitaraj laboroj kaj *I. Gulyás* pri fervoja tunelo Britio - Kontinento. Krom tio s-ro Gulyás parolis pri la agado de IFEF ĝenerale.
La 80an UEA-Kongreson en Tampere verŝajne ne partoprenos iu fervojisto el Finnlando. Pro tio estas necese antaŭaranĝi la kunvenon. S-ro Gulyás prezentis la temon de la prelego. I.Ferenci prelegos pri: *Fervojistaj radioamatoroj kaj Esperanto*. Krom tio s-ro Giessner preparos prelegon, kies temo ankoraŭ ne estas elektita.
S-ro *Niemann* proponas prelegon pri trajntipo *Pendolino*, kiu trafikos en Finnlando ekde la nova horarŝanĝo.

5. **Eventualaĵoj**
La gvidanto de la komisiono, d-ro Halász, admonis la partoprenantojn aliĝi laŭ sia deziro al la laboro kiel respondeculon en la terminara aŭ/kaj la faka sekcioj. Kiel respondeculon en la faka sekcio ĝis la fino de 1995 anoncis sin jenaj s-roj: Tschom (A), Kovář (CZ), Olsen (DK), Ripoche (F), Theurich (D), Halász (H), Boschin (I), Krogstie (N), Glättli (CH), Feifičová (SK), Porupka (RO).
Estis substrekata, ke antaŭ la fino de 1995 la landaj asocioj sciigu al la gvidanto de FK, kiu estas sialanda respondeculo pri terminara kaj kiu pri faka laboroj por la venontaj jaroj.
Dum la diskuto fine de la kunsido prezentis partoprenantoj diversajn temojn, ekz:
*Niemann*: en fakaj artikoloj estu klarigataj specialaj fakvortoj uzitaj en ĝi.
*Halász* proponas kolekti E-klarigojn el diversaj landaj fervojhoraroj (entute 7 landoj).

6. **Taskoj**
a) Sendi al la sekretario de Fake Aplika Sekcio ĝis la 1a de julio 1995 kopiojn de E-klarigoj en sialandaj horaroj (tasko por kunlaborantoj de la komisiono). (Hungario kaj Danio jam faris)
b) Por la venonta kongreso la sekretario preparos analizon de la klarigoj kaj prezentos la rezulton de la komparo.

Pécs, majo 1995
Sekretario de Fake Aplika Sekcio Kovář L.

**Raporto pri agado de Fake Aplika Sekcio en la periodo 1994/95.**

1. **Internaj aferoj**
La jus pasinta 'IFEF-jaro' ne alportis al la agado de Fake Aplika Sekcio de FK ion novan. La laboro de la komisiono estis dediĉita al ordinaraj taskoj pri kiuj mi sube informas.

2. **Fervojfakaj Kajeroj**
Denove antaŭ la kongreso estis preparata FFK (n-ro 4). Sur ĝiaj paĝoj vi povas trovi sekvantajn artikolojn:
J. Giessner (D): Ĉu la fervojo estas bruema?
Z. Polák (CZ): Rekonstruado de Ĉeha Fer-

vojo

E.Glättli (CH): ZUB – la aŭtomata trajnbremsosistemo ĉe la S-fervojo en Zürich

H. Olsen (DK): Novaj S-trajnoj

G. Sredič (YU): Sinergiaj efektoj de la integriĝo de societoj INTERCONTAINER kaj INTERFRIGO.

Dank´ al diligentaj aŭtoroj kaj speciale al s-ino Hauge la kajeroj estas ĝustatempe preparitaj. Je la lingva revizio partoprenis denove s-roj Werner kaj Olsen.

**3. Ĉijara fakprogramo**

La ĉijara ĉefa fakprelego estas dediĉita al temo de modernigo de hungaraj fervojoj. La titolo estas: La evoluo de la hungara trafiko ĝis la 1100-jara datreveno de la patrujokupado, aŭtoro d-ro Halász.

(Pri fakaj prelegoj por plua programo: vidu *Resumo de fakaj prelegoj* en ĉi tiu numero de INTERNACIA FERVOJISTO - red).

17.5.1995

Sekretario de Fake Aplika Sekcio Kovář L.

## Raporto de la sekretario de Terminara Sekcio

Inter 46a kaj 47a IFEF-kongresoj Terminara Sekcio traktis kvar aferojn:

1. Eldono de vortaroj nacia lingvo/Esperanto
2. Revizio de ĉirkaŭ 900 terminoj kiel restajo de antaŭlasta jaro.
3. Unua traduko de 96 novaj terminoj
4. Finlaboro ĉe unua nocioelekta kontribuo.

Koncerne **Nacilingvajn Vortarojn** estis prezentataj en tiu ĉi kongreso la verkoj el Italio, Jugoslavio, Germanio kaj Slovakio. Kune kun la pli frue aperintaj germana kaj hungara verkoj nun ekzistas Nacilingvaj Vortaroj el 6 landoj.

Koncerne la **revizion** ni komencis ĝin meze de 1994 kaj finis ĝin pasintan sabaton per diskutado kaj findecidoj pri lastaj dubaj detaloj. La rezulto montras, ke trifoja reviziado laŭ nia labormetodo vere necesas. Ĉirkaŭ 300 korektoj, parte gravaj, parte bagatelaj, estas ellaboritaj por 6a eldono de UIC-vortaro, kiu nun nomiĝas "RailLexic".

Koncerne **tradukon de novaj terminoj** temas pri 53 trafikaj kaj 43 datumprilaboraj fakvortoj. La hungara kaj germana grupoj kreis unuajn tradukproponojn. Baldaŭ post fino de tiu ĉi kongreso aperos baza folio por unua revizio.

Koncerne **nocioelektan laboron** ni ankaŭ findecidis pri lastaj dubaj detaloj dum la pasintsabata aranĝo kun unuanima akcepto. La rezulto el sep sisteme traesploritaj nociokompleksoj ampleksas 51 terminojn 6-lingvajn kun difinoj, inter ili 18 nove proponotajn, plue tri sinonimigojn, 21 ŝanĝojn kaj tri nuligojn. Tio estas nia nuna provkontribuo por plua evoluigo de UIC-datumbanko.

Dum la **dimanĉa kunsido** ni aŭskultis raportojn, klarigis demandojn kaj nomumis responsajn komisionanojn kun elektorajto.

Por **efektivigi nian laboron** ni estonte ligu kontaktojn kun Perkomputora Termino-Kolekto (PEKOTEKO) de akademiano Rüdiger Eichholz kaj petu de UIC-datumbanko terminojn en ĉiuj tri UIC-lingvoj, nome franca, germana kaj itala anstataŭ nur germana. Ni petu ankaŭ pri ekzistantaj difinoj. Laste mi volas ripete alvoki interesatajn gekolegojn kunlabori en nia sekcio. Precipe mi turnas min al landaj sekcioj kun relative forta Esperanto-movado. Nome el Bulgario, Francio, Hispanio, Italio kaj Pollando ĝis nun kunlaboras nur unu aŭ tute neniu kolego.

Pécs, 23.05.1995

sekretario de terminara sekcio H.Hoffmann

# Resumo de fakaj prelegoj

## Kvar "BRUNEL"-distingoj por la Svisaj Federaciaj Fervojoj

*E. Glättli (CH)*

En la prelego estas priskribita sukceso, kiun atingis la svisaj fervojoj per ricevo de kvar distingoj en la 5a konkurso, kies celo estas stimuli la estetikan kvaliton de fervojaj instalaĵoj. La konkurso estis organizita en Usono kaj ĝian pasintjaran publikigon partoprenis 46 fervoj-entreprenoj.

## Aŭtomataj biletsistemoj

*J. Niemann (DK)*

La nova elektronika kaj komputila tekniko pli kaj pli disvastiĝas en diversaj sferoj de homa vivo. Unu el tiuj sferoj estas vendado de biletoj por diversspecaj trafikiloj. La prelego montras eblecojn de la jam uzata sistemo SCANPOINT en Danio. Je la fino de la prelego estis tuŝita la estonteco de ĉi tiuj sistemoj kaj ĝiaj influoj al uzantoj.

## La fervojo Valjevo - Loznica

*D. Ivanovič (YU)*

En la prelego estis priskribitaj planoj pri konstruo de nova jugoslavia fervojlinio en la okcidenta parto de la lando. Ĝi trairos komplikan terenon kun granda nombro de pontoj kaj tuneloj.

## Ambiciaj energio-ŝparplanoj de la germana fervojo DB

*J. Giessner (D)*

La celo de la menciitaj planoj estas malaltigi energioforuzadon dum fervoja trafiko. Tio eblas per akcepto de diversaj teknologiaj novaĵoj kaj materialoj dum konstruado de lokomotivoj, vagonoj kaj aliaj fervojaj instalaĵoj.

## Kompletiga sanitara servo ĉe MÁV

*J. Patay (H)*

Socialaj projektoj por fervojistoj havas en Hungario multjaran tradicion. Ĵus komencis labori fonduso – Fervojista Memvole Protekta Fonduso –, kiu fariĝis antaŭ kvin jaroj memstara. Ĝia celo estas kompletigi provizadon de sociala asekuro por siaj membroj kaj iliaj familianoj.

## Malaperas la "fluganta rado"

*G. Sredič (YU)*

Sekvi la evoluon de signoj kaj emblemoj de diversaj fervojadministracioj estas nun streĉa laboro. La aŭtoro prezentas detalan priskribon de la situacio sur ĉi tiu tereno en Jugoslavio kaj aldonas analizon de la situacio en diversaj eŭropaj fervoj-administracioj. La prelegon akompanas listo de diversaj fervojaj emblemoj.

## Modernigo de la fervojo Děčin - Břeclav

*L. Kovář (CZ)*

En la prelego estis priskribitaj planoj kaj nuntempa situacio pri modernigo de la ĉefa linio inter Děčin kaj Břeclav. La rekonstrulaboroj celas atingi rapidon de rapidtrajnoj ĝis 160 km/h. La veturodaŭro inter grandaj urboj surlinie grave malgrandiĝos. Tio koncernas ankaŭ najbarlandajn grandurbojn – Wien, Berlin k.a.

## Fervoja Koresponda Servo

S-ro PORUPKA Sorin
Mihai Bravu 32/2
RO-6200 Galati



Se vi deziras utiligi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)on, kaj pri kiaj temoj ktp.
Aldonu se eble internacian respondkuponon. Se tio ne eblas, aldonu poŝtmarkojn vendeblajn en Rumanio.

# Fervojfakaj Kajeroj






Grava estas la terminara laboro de IFEF. Tuj sekva laŭ graveco estas la faka apliko.

Tial ĝojigas nin ĉiujn ne nur la efika kaj celkonscia laboro de la Terminara Sekcio de Faka Komisiono, sed ankaŭ la apero de **n-ro 4** de Fervojfakaj Kajeroj.

Dudek paĝoj de faka materialo en la internacia lingvo Esperanto. Kun la antaŭaj tri kajeroj la suma paĝonombro atingis 100 – ne malbona rezulto!

La enhavo de n-roj 1-3 estas menciita en IF 1994.6 sur paĝo 100, do neniu bezono ripeti.

N-ro 4 portas helverdan kovrilon kaj enhavas ses artikolojn, parte el la faka programo de la 46a IFK:

Joachim Giessner: *Ĉu la fervojo estas bruema?*, Zdeněk Polák: *Restrukturado de Ĉeĥa Fervojo*, Ernst Glättli: *ZUB – la aŭtomata trajnbremsosistemo ĉe la S-fervojo en Zürich*, DEFA tradukis pri: *Novaj S-trajnoj*, Slava David: *Horaro*, Gvozden Sredić: *Sinergiaj efektoj de la integriĝo de Societoj INTERCONTAINER kaj INTERFRIGO*.

La enhavon de la artikoloj ni ne recenzas. Vi mem legu, kaj vi havos pli bonan scion pri Esperanto kaj pri via fako.

La kajero – same kiel la antaŭaj tri – estas akirebla ĉe la IFEF-kasisto je po 10,- DKK por ĉiu ekzemplero. Certa rabato je pluraj ekzempleroj kaj en kazo de transpagipovaj obstakloj. Ĉefa afero estas vasta utiligo.

cho

# Faka agado

Dum la 46a IFEF-kongreso en Krems estis prezentita pere de s-ro inĝ. Tschom tre interesa faka prelego kun titolo *Transalpa trafiko*. En ĝi estis detale priskribita la historio de homaj klopodoj superigi la Alpojn kaj ĉefe la nuntempa stato de la trafikeblecoj trans la Alpoj. La prelegon akompanas riĉa statistika materialo, kiu prezentas la transalpan transporton en ciferoj.

La ĉeĥa faka komisiono sukcesis traduki ĉi tiun prelegon en la ĉeĥan lingvon pere de s-ro inĝ. Polák. La traduko estis disponigita al oficialaj reprezentantoj de Ĉeĥaj Fervojoj (ČD) kaj tiavoje ankaŭ al gravaj fervojaj organizajoj kiel informmaterialon. Ĝi aperis ankaŭ en la bulteno *Trafiko en la mondo*, kiun eldonas Centro de Informteknologioj de Ĉeĥaj Fervojoj. Tiu ĉi bulteno estas dissendata al ĉiuj registaraj instancoj, kies aktivado tuŝas iamaniere la trafikon. Kovář L.

# Fakdelegitoj de UEA

Dum la plenkunsido de la IFK, Pécs, okazis debato pri la interrilatoj inter UEA kaj IFEF, kaj interalie pri fakdelegitoj.

En IF 1994.5 estas priskribita la stato pri fakdelegitoj en la 1994a Jarlibro de UEA: 59 en 54 urboj en 19 landoj.

Nun aperis Jarlibro 1995, kaj se ni ĝuste kalkulis, la nombro nun estas 56 fakdelegitoj en 52 urboj en 19 landoj.

Do, de 1994 al 1995 ne okazis progreso, kio devus pensigi kaj aktivigi kelkajn potencialulojn kaj landajn asociojn.

Denove ĉe la pinto situas Germanio per 15 FD; sur postaj lokoj estas Hungario per 8 kaj Italio per 6 FD.

Po 3 havas Ĉinio, Danio kaj Norvegio. Po 2 Aŭstrio, Belgio, Britio, Francio kaj Rumanio.

Pasintjare IF naive demandis: Ĉu venontjare eblos raporti pri progreso? Ni ripetas la demandon, kun la aldono: pli bone labori ol lamenti!

cho

# Aranĝoj

**12a Kongreso de Polaj Fervojistoj-Esperantistoj 29.09.–01.10.95. en Venecio apud Żnin**

Venecio kuŝas ĉe la fama trako "Szlak Piastowski", kiu kunligas la plej malnovajn lokojn en Pollando. La turisma atrakcio de Venecio estas ĝia bela pitoreska situo inter tri lagoj. Tio donas al ĝi ĉarman kaj vastan belegan panoramon.

**Administra adreso**:
Janina Bańkowska, ul.Młyńska 27,
PL 89-400 Sępólno.

Plena partoprenkotizo estas por eksterlandanoj 50 DEM.

Ni garantias 2- aŭ 3-litajn ĉambrojn kun duŝejo kaj necesejo, unu matenmanĝon, unu tagmanĝon kaj unu vespermanĝon. Funkcios restoracio, kie oni povos aĉeti manĝaĵojn.

Eksterlandanoj devas aliĝi antaŭ 30.07.95 informante pri alventempo al Venecio.

Por atingi Venecion alveninte de Poznań aŭ Bydgoszcz vi devas ŝanĝi trajnon en Inowrocław kaj de tie vojaĝi al Żnin. Tie atendos esperantistoj, kiuj helpos vin atingi la kongreslokon.

Organiza Komitato.

## 3a Internacia Kultura kaj Turisma Esperanto-Semajno

4a-11a de novembro 1995 en Salou, Katalunio, Hispanio.

Sub aŭspicio de Hispana Esperanto-Muzeo.

Estas antaŭvidita Esperanta paroliga kurso gvidata de la elstara instruistino s-ino Carla de Lorenzi, prelegoj pri la Esperanto-movado, ekskursoj al vidindaĵoj de la regioneto, Delto de la rivero Ebro ktp, vesperaj amuzaĵoj.

Petu aliĝilon ĉe:
Hispana Esperanta Fervojista Asocio
Poŝtkesto 15027, E-08080 Barcelono.

# Monerkolektado



Dum la 2 pasintaj kongresoj mi instigita de franca kolego proponis al la kongresanoj donaci siajn diversajn alilandajn monerojn al ekzemple la adopta fonduso. Ĉijare en Pécs mi ricevis de pluraj kongresanoj jenajn sumojn:

| | |
|---|---|
| 12,55 DKK | 10,10 ATS |
| 3,50 NOK | 411,00 ESP |
| 0,20 CHF | 0,10 DEM |
| 0,40 NLG | 5,00 BEC |
| 11,70 CZK | 0,10 FRF |
| 24,10 Hong Kong dolaroj | |

La unuopaj sumoj estas malgrandaj kaj sensignifaj por la donacintoj, sed kune ili reprezentas kotizojn por pli ol 2 membroj el nepagipovaj landoj. Tio kompreneble eblas nur, se mi poste sukcesos ŝanĝi al iu valuto, kiun mi aŭ aliaj membroj de IFEF povas uzi, kaj verŝajne kelkaj el la moneroj kuŝis tiom longe, ke ili ne plu estas uzeblaj, sed mi pretas daŭrigi la kolektadon kaj ĉiam kunportos la monerojn al la kongresoj por trovi eventuale personojn, kiuj pretas transpreni parton de la moneroj.

Kasisto

# El niaj landaj asocioj

### SAFE

La 19an de majo 1995 Ministerio de Internaj Aferoj de Slovakia Respubliko laŭleĝe konfirmis la ekziston de slovakia fervojista sekcio sub la nomo **Slovakia Asocio de Fervojistoj Esperantistoj**, mallonge SAFE. Koresponda adreso kaj la funkciuloj restas la samaj kiel ĉe ĝisnuna FS SEA.

M. Feifičová

### JAFE

La gazeto *Pruga* (= Relvojo) dediĉis tutan paĝon al Esperanto kaj JAFE. Interesa por la redakcio de IF estas, ke la gazeto aperigis kopion de paĝo 26 de IF n-ro 1995.2 ("JAFE agas"). Krom tio ili raportas pri la kongreso en Pécs kaj pri ekzamenoj.

**INTERNACIA FERVOJISTO**
**1995.4**
47a eldonjaro

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio.

**Redakcio:**
Erna Hauge,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.
Tel + fakso +45 98 80 15 99.

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Sekretario:**
D-ro Romano Bolognesi,
Via Misa 4,
I-40139 Bologna.

**Kasisto:**
Henning Hauge,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.
Tel + fakso 45 98 80 15 99.

**Dana poŝtĉekkonto:**
1 25 80 36, IFEF,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev
(pagante per poŝtĉekkonto el eksterlando aldonu 15 DKK por poŝtelspezoj).

**Dana bankkonto:**
3717 034856, Den Danske Bank, DK-9800 Hjørring
(pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj).

**Svisa bankkonto:**
471-02, Thurgauische Kantonalbank,
CH 8590 Romanshorn.

**Svisa poŝtĉekkonto:**
CH 85-4110-5
Frauenfeld, IFEF,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.

Redaktofino por la venonta IF: 10.08.1995

Presejo:
Gefion Tryk Næstved A/S

# Nova estraro



La 47a IFK elektis jenan estraron: De maldekstre vicprezidanto István GULYÁS (reelekto), redaktoro Erna HAUGE (novelekto), prezidanto Per ENGEN (reelekto), kasisto Henning HAUGE (reelekto) kaj sekretario Romano BOLOGNESI (reelekto)

PER MEDIOAMIKA FERVOJO
KAJ KOMUNA LINGVO
AL LA XXIa JARCENTO

La slogano de la 47a IFK